## TARIFO DE LA ABONPREZOJ.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 4 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉek. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or | 3 |
| Greka | drahmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | eskud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plejeble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1,— M por la germ. asocio, kaj 3.—M por Int. Ped. Revuo) al ĝirokonto „Esperanto-Vereinigung deutscher Lehrer, Leipzig-Leutsch, No.27.857", membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, Dresden, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.



## AGENTOJ DE TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En Landoj**

Angla: F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex.

Aŭstra: Josef Feder, Wien II/I, Erlafstr. 8/9.

Belga: Lab. Esp. Grupo, 24. rue de Sévigné-Anderlecht, Bruxelles. poŝtĉ. 124.801.

Blankrusa: Agentejo Esperanto, D. Snejko, Minsk, Poŝtkesto 33.

Bulgara: Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono.

Ĉekoslovaka: Albin Neužil, lernejestro, Olomouc-Neředin.

Dana: La Forta Voko, Dana Esperanto-Gazeto, Poŝtkonto: 3584. — S-ro Paul Neergaard, Kastelsvej 21, Kopenhago.

Estona: Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn.

Finnlanda: Pârnânen, Sulkava, Lieviska.

Franca: M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret.

Germana: Goldberg, Frohburgerstr. 68 p. Leipzig-S 3

Greka: D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno.

Hispana: Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona.

Hungara: Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag-utca 9.

Japana: Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1.

Java: K. Wirjosaksono, Klaten.

Jugoslava: Svetislav S. Petrovič, Pirot, Serbio, Novosádska 17.

Litova: A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda.

Nederlanda: P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR).

Pola: K. Majorkiewicz, Czersk-Pom. poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan).

Rumana: Francisko Abel, Ineu, Jud. Arad.

Rusa: Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo

Sveda: Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6, Stockholm.

Svisa: S-ino N. Oumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo.

7-a. Jaro. N-o 6-7 Junio-Julio 1928

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: HANS LUDWIG, Pirna-Posta IV-b (Germanujo)
Administrejo: M. GOLDBERG, Frohburgerstr. 68 p., Leipzig S 3 (Germ.), poŝtĉekkonto Leipzig 20 410 — Anoncoj: La linio, 3 mm alta, 6 cm larĝa, kostas 0,30 M.



## La sveda instruistaro por Esperanto.

### Grandaj progresoj en Svedlando. La venko de la Ĉe-metodo.

Aŭtune la pasintan jaron venis al Svedlando la vojaĝanta Esperanto-apostolo Andreo Ĉe. Kaj depost lia alveno li vojaĝis tien kaj reen laborante, instruante, unuvorte: laboregante. Sed li ankaŭ havas la emon kaj povon laborigi aliajn. La rezulto montras tion: Neniam antaŭe la movado en nia lando estis tiel vigla kaj progresema kiel nun.

La plej intereso, kio okazis, estis la rapidkursoj de S-ro Ĉe kaj la apliko de la uzita metodo ĉe infaninstruado. Mi bone komprenas, ke mi nun streĉas la intereson de estimataj gekolegoj, kaj ke ĉiuj deziras ekkoni la metodon de S-ro Ĉe, la Ĉe-metodo. Tamen ĝi bedaŭrinde estas tia, ke, se mi ĝisfunde priskribus la metodon, ĝi mortus. Ĉar la metodo estas buŝa. Iom ĝi similas al la Berlitza metodo, sed kaŭze de la logika konstruado de nia lingvo la metodo estas pli simpla sed kompreneble ne malpli atentiga. Ekzemple tradukado de la frazoj, kio kutime konfuzas la lernantojn, ne okazas, kaj eĉ la novajn vortojn oni klarigas per la lernitaj. — Jam en la unua leciono la atento streĉiĝas. Kaj en ĉiu posta leciono venas novaĵoj, interesaĵoj kaj veraj atrakcioj, tiom, ke ĉiuj lernantoj povas ne unu momenton disstriĝi aŭ malatentiĝi. Kiel ĉe-estinta gvidanto mi povas konstati, ke S-ro Ĉe sukcesis. Kaj tio estas tiom pli mirinda, ĉar la lernantaro estis tre heterogena. Ĉe estis en sama kurso ekz. instruisto,

**Atentu! La venonta numero estos speciala kajero por lingva enketa laboro de Prof. P. Bovet, Institut J. J. Rousseau, kaj aperos la 15-an de Julio.**

notario, doktoro, maŝinisto, tabaklaboristo, komercistino. laboristino k. t. p. kaj tamen neniu enuiĝis aŭ malfruiĝis aŭ forlasis la kurson antaŭ la fino.

S-ro Ĉe kutimas diri, ke li instruas sen metodo. Kaj li provas instrui tiel, ke la lernantoj ne rimarku la pedagoge bonege elpensita vico de la vortoj kaj de la gramatikaj reguloj. Eble mi ankaŭ povas aldoni, ke la Ĉe-metodo eluzas la demandajn vortojn, „la ŝlosiloj de la gramatiko". Sed pli mi ne skribas pri la metodo, ĉar ĝi estas buŝa, kaj — kiel jam dirite — mi ne volas mortigi ion tiel bonan. Tiuj, kiuj volas scii kaj ellerni la metodon, bonvolu voki la sistemeltrovinton aŭ liajn amikojn, kiuj lernis de li kaj nun kun granda sukceso faras similajn kursojn. La propaganda kaj varba efiko de la metodo estas tiel nekontraŭstarebla, ke mi forte rekomendas similajn kursojn aranĝotajn ĉie kaj aparte por geinstruistoj. La komencon jam faris la Sveda Instruista Unuiĝo kaj la Sveda Instruistina Unuiĝo per porgeinstruistaj somerkursoj okazontaj ĉi tiun someron en Stockholm. Aliĝis granda nombro da geinstruistoj el la tuta lando, eĉ el la plej norda kaj suda partoj. Tio estas tiom pli mirinda, ĉar la sveda geinstruistaro estas tre konservema kaj ĝis nun tre dubema pri Esperanto. Sed la printempaj kursoj rompis la glacion. Ĉeestis pli ol ducent personoj (el ili 23 geinstruistoj), kaj la partoprenintaj geinstruistoj post la kurso faris la jenan alvokon:

„Svedujo nun gastigas la hungaran pastron Andreo Ĉe el Rumanujo. Multon oni skribis pri li en la gazetoj kaj ankoraŭ multo estas direbla. Kio nin geinstruistojn aparte interesas, estas la rapidkursoj en Esperanto, kiujn li gvidis dum tiu ĉi printempo. — La plejmulto da ni, subskribintaj geinstruistoj en popollernejoj kaj gimnazioj de Stockholm, aliĝis al la kursoj pro nura scivolemo, sed ni ĉiuj devis daŭrigi kaŭze de la bonega kvalito de la kursoj. S-ro Ĉe posedas apartan instrumetodon, sen lernolibroj, sen deviga hejmlaboro, per ĥora respondado al demandoj, kiu kuraĝigas kaj progresigas eĉ la plej modestan lernanton. La eminenta pedagogia povo de S-ro Ĉe faris el la lingvaj lecionoj horojn da amuzo kun vere ĝojiga kaj interesa konversacio. Ni ĉiuj ne povas uzi tro superlativajn esprimojn por nia admiro al S-ro Ĉe kaj lia instrumetodo. Tial ni rekomendas partoprenon en la kursoj aranĝotaj por la sveda geinstruistaro, kiel ion plej interesan, je kio oni povas sin okupi dum la somero. (23 subskriboj.)"

La alvoko aperis en ĉiu sveda porgeinstruista gazeto kaj ankaŭ en norvega kaj finna gazetoj. Per instruistaj kursoj la bonega metodo disvastiĝos. Kaj tio estas tre grava, ĉar la metodo estas facile aplikebla de aliaj instruistoj por infaninstruado. Tion spertis la subskribinto, kiu kun granda sukceso gvidas kurson en popollerneja klaso de 12-jaraj knaboj. La rezultoj estas vere tiaj, ke mi ne hezitas nomi la metodon revolucia. Same la instruiston kiel ankaŭ la lernantojn amuzis ĉiu leciono. La lernantoj sentis, ke ili estras ĉion, kio estas pritaktita. Tio donis al ili neordinaran firmosenton, kiun ne maltrankviligis la scio pri venontaj malfacilaĵoj. Plue mi kiel S-ro Ĉe faris la lecionojn tiel streĉigaj kaj variaj, ke la lernantoj fervore atendis la venontan lecionon. Ĉio konvinkis min pri la absoluta supereco de la buŝa metodo antaŭ la lernolibra metodo.

La Ĉe-metodo, buŝe ellernita kaj buŝe instruita, certe estas de nemezurebla utilo por nia movado.

Ernfrid Malmgren.

Aldono de la Redakcio:

Andreo Ĉe afable sendis 2 svedajn instruistajn gazetojn, en kiuj troviĝas artikolo pri lia kurso kun lia bildo: „Svensk Lärarnetidning“ n-ro 18 (Esperanto), „Folkskollärarnas Tidning“ n-ro 9 (En ny Pestalozzi, de Malmgren). Estas rekomendinde, ke tiu Pestalozzi post sia misio en Svedujo konvertu la instruistaron ankaŭ de la aliaj landoj. Certe la germana kaj saksa asocio de E-instruistoj klopodos, ke la Germana resp. Saksa Instruista Asocio aranĝu similajn E-kursojn kun Andreo Ĉe kiel la Sveda Instruistaro. Ankaŭ en aliaj landoj faru la proponon. Motivon ja donas la menciita decido de FIAI, okupiĝi pri la helplingva problemo. Ni atendu la rezulton de la nunaj svedaj instruistaj Ĉe-kursoj kaj poste petu de la Svedaj Instruistaj Asocioj (Förening kaj Förbund) rekomendon pro kursoj por FIAI kaj aliaj instruistaj asocioj.

Ĵus nin atingas la informo, ke la Sveda Socialdemokrata Partia Kongreso unuanime decidis, postuli lernejan instruadon de Esperanto.

## Aŭtonomio pedagogia.

(Principoj kaj postuloj)

1. Aŭtonomio pedagogia kiel propra principeco de pedagogio.

11. La fundamenta valorideo.

111. Ĉu pedagogio povas esti scienco.

1111. Pedagogio kiel scienco organizu la scion pri la tuta sfero pedagogia laŭ argumento kaj konsekvenco.

1112. La ekzistantaj sistemoj pedagogiaj estas bazitaj sur la abstraktaĵo de instruado (ekz. Comenius, Herbart), sur la abstraktaĵo de eduko (ekz. Comte, Spencer, Krieck) aŭ sur la ideo de sinformado (ekz. Froebel, Kerschensteiner in „Theorie der Bildung“ — „Teorio de sinformado“). Eduko estas abstraktaĵo de fakto, sinformado estas valorideo.

1113. Sinformado estas la plej grava problemo en la teorio pedagogia.

112. Pedagogio estas ebla kiel valoroscienco.

1121. Valorfilozofio estas anstataŭanta la malnovan metafizikon.

1122. Sinformado estu rigardata kiel samranga kun la valorfomroj jam validaj: scienceco, moraleco, religiemo, beleco, justeco, (ekonomieco, amo, vivpovo).

1123. Kio la homon en lia evoluo pliriĉigas formante lian individuecon al tuteco, tio estas pedagogie plej valora.

12. Propra principeco de procedo sinformada.

121. Pedagogie psikologia rigardo.

1211. Ne konsiderante la ideon de l' sinformado kiel valorformon, psikologio ĝenerala ne povas priskribi kaj interpreti la procedon de sinformado.

1212. Analogie al psikologio de religio de arto, de ekonomio k. t. p. konstruiĝos psikologio sinformada.

1213. Psikologio sinformada eble demandos: laŭ kiuj leĝoj individuo sinformadas al tuteco per impresoj el sia hejma medio, per sia lingvo,

per kunvivo, per ekkono prihistoria; per farado korpa precipe mana, per klopodado pro matematikaj taskoj, per ekkono naturscienca; finfine: laŭ kiuj leĝoj homo al si formas sian mondperceptón.

122. Pedagogie sociologia rigardo.

1221. Kredeble ni formas nin plej multe, sentante la tutecon animan de alia homo.

1222. Procedo sinformada neniam estu rigardata kiel jam finiĝinta escepte dum frenezeco kaj dum tro longdaŭra soleco.

1223. Sinformado okazas nur en interrilato de l' homo kun lia kultursfero.

2. Aŭtonomio pedagogia kiel memstareco de la lernejaro.

21. Aŭtonomia lernejaro kiel societo.

211. Ĝia membraro.

2111. Pri la gejunula rajto je sinformado ne la gepatroj estas respondaj, ĉar la kondiĉojn pro tio povas plenumi nur la kultursocio.

2112. Socio sinformada estas nek loke nek tempe limigebla unuo de homoj, kiuj sin influas rilate sinformadon.
Komunumo sinformada estas tutaĵo de ne laŭnome fikseblaj samtempuloj en sama regiono, kiuj senpere povus sinformante interinflui.
Kunularo sinformada estas tutaĵo de unu la alian senpere formante influantaj homoj (gejunuloj, pedagogoj, gepatroj kaj negepatroj kiel amikoj de lernejo).

2113. Ĝenerala korporacio sinformada estu la jura formo de la respektiva komunumo.

212. Ĝia funkcio.

2121. La ĝenerala korporacio sinformada zorgu anstataŭ la ŝtato en ties komisio pri la eksteraj kaj laŭeble pri internaj kondiĉoj de perfektiĝo de junaj homoj.

2122. Ideala lernejo estu la komuna vivejo de la junularo.

2123. Lernejo, en kiu estas kulturataj krom instruo ankaŭ ludo, festoj kaj produkta faro kiel pedagogiaj formoj, prezentas al neinstruistaj geamikoj de junularo okazojn por kunagi.

22. Aŭtonomia lernejaro kiel korporacio kun publikjura privilegio.

221. Sinadministro korporacia.

2211. La loka korporacio sinformada — en urboj kun pluraj lernejdomoj la kuniĝintaj polernejaj korporacioj — elektu prilernejan komitaton, kiu kune kun komitato de la samloka instruistaro la lernejajn aferojn ofice administros. („Loka lerneja ĉambro".)

2212. Laŭ la ŝtata membrodivido de la teritorio estu organizataj distriktaj kaj provincaj korporacioj sinformadaj kun analogia funkcio.

2213. Sian supron atingu la organizacio per nacia korporacio sinformada — en landoj kun diversaj lingvoj per pluraj respektivaj korporacioj — kaj en malproksima estonteco per la tutmonda korporacio sinformada (kiel Karl Christian Friedrich Kraŭse revis en la verko „Das Urbild der Menschheit" = „La pratipo de l' homaro", 1811, aŭ kiel Aŭguste Comte).

222. Ŝtata administro de la lernejaro.

## Plano de la administracio.




(La sagoj montras de la elektantaro al la balotenda membro.)

2221. La ŝtato vivtenas la lernejaron, transdonante la „lernejimposton“ al la „regna lerneja ĉambro“ (vidu sub 3223) — en landoj kun diversaj lingvoj al la naciaj korporacioj sinformadaj (kiel en Anglujo al la diversaj societoj edukataj). La ministro lernejara estu priresponda al la parlamento, ke la lernejaro laŭleĝe estas administrata rilate la unuecon, financojn kaj rajtojn de la ĝenerala korporacio sinformada kaj de l' instruistaro.

2222. En provincoj kaj distriktoj la ŝtataj organoj havu analogiajn devojn (ĉefe rilate al la „ĝenerala unusistema lernejaro“).

2223. Ĉiu loka lerneja ĉambro balotu siajn pedagogojn; kun sia elektiĝo la instruist(in)o akirula membrecon je la loka korporacio sinformada kaj estiĝu oficist(in)o de la nacia korporacio sinformada.

3. Aŭtonomio pedagogia kiel memrespondeco de la instruistaro.

31. Memrespondeco de unuopa instruist(in)o.

311. Ĉe ties laŭplana laborado.

3111. Propra principeco de pedagogio sekvigas, ke en ofica reglemento ne laŭsence povas esti dekretata la praktiko pedagoga.

3112. Teoriaj planoj de sinformado anstataŭu la oficajn instruplanojn.

3113. La sukceso de l' sinformado ne ateste estas fiksebla.

312. Ĉe la vivado interne de la kunularo sinformada.

3121. Donadi formantan helpon al juna homo estas la devo sole nur de profesiaj geinstruistoj.

3122. Tiu ĉi devo estas senkondiĉa; ĉiu profesia pedagogo ĉiukaze devas krei laŭeble plej bonajn kondiĉojn por sinformado de sia lernantaro.

3123. Tiu devo estas ankaŭ necedebla; nek ŝtataj nek eklezia kontrolistoj povas eĉ parte depreni ĝin de taŭga instruist(in)o.

32. Sinadministro de la instruistaro.

321. Rilate unuopan lernejon.

3211. La geinstruistoj plenumu siajn eksterajn devojn laŭleĝe.

3212. Ili decidu memstare pri lernolibroj, instruiloj kaj ĉiuj metodaj aferoj.

3213. La kolegio elektu kolegon lernejestro.

322. Rilate la administron lernejaran.

3221. La loka instruistaro elektu konsilantaran komitaton („loka instruistara komitato“), kiu kune kun la prilerneja komitato (vidu sub 2211) formas la lokan lernejan ĉambron.

3222. La distrikta instruistaro elektu konsilantaran komitaton al la „distrikta lerneja ĉambro“, en la provincoj respektive.

3223. La unuiĝinta sindikato instruistara elektu nacian komitaton, kiu kun la supro de la korporacio sinformada kaj kun la ministro lernejara formas la „regnan lernejan ĉambron“.

Samideanoj pri aŭtonomio interesiĝantaj bonvolu respondi jenajn demandojn al D-ro Kurt Riedel, Dresden-A, Pedagogia Instituto, Germanlando:

1. Ĉu oni disputas pri tiaj principoj en via lando?
2. Ĉu oni faras tiajn postulojn en via lando?
3. Kiuj el tiuj principoj jam estas akceptitaj en via lando?
4. Kiuj el tiaj postuloj jam estas realigitaj plimalpli en via lando?

Kurt Riedel, Dresden.

## La Sanskrita Radiko „mar".

Ĝia influo je la evoluo de la indo-eŭropaj lingvoj kaj je Esperanto.

Certe oni povas supozi, ke preskaŭ ĉiu esperantisto iom scias pri la scienco de la lingvoj gepatra kaj esperanta, do pri radikoj de la vortoj, pri derivoj kaj derivaĵoj, pri parenceco de esperantaj vortoj kun esprimoj de la gepatra lingvo. Trafoliumante la naŭlingvan etimologian leksikonon de la lingvo Esperanto de Louis Bastien (Paris, presa esp.-societo 1907), li vidas, ke la esprimoj esperanta, latina, franca, itala hispana, portugala, germana, angla kaj rusa por la ideo: „interesi" estas litere preskaŭ la samaj, kvankam la neekkonebla fonetika karaktero estas diferenca. Komparu: interesi, interesse, interesser, interessare, interesar, interessieren, interest, interecobatj (interesovatj). Same facile kompreneblaj estas (sur la samaj paĝoj 84—85 de la citita verko) la koncernaj vortoj por: insulti, intima, inviti ktp. Ĉiu eŭropano, lerninta krom la gepatra lingvo unu fremdan, hindo-eŭropan lingvon, aŭdis, ke estas parencaj: paradizo kaj paradisus (lat.), pargeto kaj parquet (fr.), paralizi kaj paralyze (angl.). Sed la afero pli kaj pli farîĝas malfacila, se oni komparas la vortojn: parrochia (it.), parroquia (hisp.), parochia (port.), Pfarre (germ.), parish (angl.), paroĥo (esp.), aŭ: gaudium (lat.), joie (fr.), gioire (it.), gozarse (hisp.), joy (angl.): ĝoji, ĝojo (esp.). Tiam la parenceco de kelkaj vortoj estas konata nur al personoj, okupiĝintaj speciale pri la historio, la evoluado de la indoeŭropaj lingvoj. Pri tio tamen diras Privat en la verko: „La historio de Esperanto" sur la XI-a paĝo: ....." montriĝas ofte tre mirinda nesciado pri la historio de la lingvo (Esperanto) ĉe granda nombro da bonaj Esperantistoj alie tre lertaj". Orientulo (ĥino, japano) aŭ ano de alia granda lingvobranĉo (vidu: Oficiala jarlibro de la esperanto-movado. 1925, La lingvoj en la mondo, pĝ. 52—54, kaj Privat: pĝ. 2) certe staras, studante la naŭlingvan etimologian leksikonon, antaŭ ĥaoso. Sed eĉ la plej lertaj esperantistoj ne fanfaronu! Ĉu ili tuj jesas, ke estas samfamiliaj la vortoj: marasmo, morta, ambrozio, maro, membro, marto, martelo, melki, blasfemi, mordi, milda, memori, martireco?

Ke estas tiel, pruvis D-ro Max Mueller en siaj anglaj: „Prelegoj pri la scienco de la lingvo". El la germana traduko (de D-ro Karl Boettger; du serioj, Leipzig, eldonejo: Gustav Meyer. 1863. 1865) estas ĉerpita la sekvonta parto de la artikolo pri la sanskrita vortradiko „mar", la praparenculo de la cititaj esperantaj vortoj.

Antaŭ ol pritrakti la influon de la arkaika radiko „mar", estas necese, diri ion pri la naturo, la esenco de la sanskritaj radikoj. Pri la rilato inter Esperanto kaj Sanskrito (unu lingvo el la indo-eŭropa aŭ aria familio) komparu: Privat, ĉapitro 1-a!

Oni trovas en la sanskrita lingvo kaj en ĉiu aria lingvo riĉajn grupojn da radikoj, esprimantaj komunan ideon, kiu diferenciĝas unu je la alia nur per unu aŭ du literoj, aldonitaj komence aŭ fine. Tiaj sanskritaj radikoj, nur iomete diversaj litere, estas:

s a r = iri; s a r p = rampi; n a d = ekkriegi; n a n d = ĝojegi, pro ĝojo ekkrii; y u = ligi, kunigi; y a u ṭ = kunglui; p i y = malami; p û y = putri.

Sanskrit-gramatikisto reduktis la tutan radikaron de sia lingvo je proksimume 1 700 radikoj. Post kiam ĉi tiuj radikoj estis registritaj kaj akceptitaj, neniu vorto de la Sanskrito restis sen klarigo. Sed estas fakto, ke multe da tiuj radikoj mem evidente estas derivaĵoj.

Ĉiuj radikoj estas unusilabaj. Laŭ la kvanto da literoj ili estas klasifikitaj jene:

1 vokalo: i = iri.
1 vokalo kaj 1 konsonanto: a r = plugi; ad = manĝi.
1 kons. kaj 1 vok.: d a = doni.
1 kons. kaj 1 vok. kaj 1 kons.: t u d = puŝi (ĉiu kons. estas modifebla).
2 kons. kaj 1 vok.: p l u = flui.
1 vok. kaj 2 kons.: a r d = difekti.
2 kons. kaj 1 vok. kaj 1 kons.: s p á s = spioni, sekrete observi.
2 kons., 1 vok. kaj 2 kons.: s p a n d = tremi.

Pri la ariaj radikoj kun certeco estas asertate, ke oni atribuas al ili tipan formon kaj tipan signifon. Do ili ne estas nur puraj interjekcioj kun ŝanĝiĝantaj kaj ne definitivaj vokaloj, kun konsonantoj, kiuj ŝanceliĝas inter gorĝa kaj lipa tuŝado de la lango kaj ne estis decidiĝintaj por muta, sonanta aŭ spiranta elparolado. Ankaŭ ili ne estis esprimoj por impresoj de la momento, por subite okazantaj emociaj estadoj, kaj neniel ili interrilatis kun impresoj je simila aŭ malsimila karaktero.

La plej multaj radikoj origine posedis materian signifon, signifon tiom ĝeneralan kaj ampleksan, ke ili facile estis uzeblaj por specialaj objektoj. Ekzistas radikoj, kiuj signifas: b a t i, b r i l i, k r e s k i, f a l i; sed ne primitivaj radikoj, signifantaj statojn kaj agadojn, kiuj ne estas en la regiono de la homa senta ekkonado; ankaŭ ne radikoj, esprimantaj tiom specialajn fenomenojn kiel: p l u v i, t o n d r i, h a j l i, t e r n i, h e l p i, p r o v i. De la radiko v a s (brili) estas formitaj la nomoj: s u n o, l u n o, s t e l o j, o k u l o j de la homo, o r o, a r ĝ e n t o, l u d o, ĝ o j o, f e l i ĉ o kaj a m o. El la radiko, signifanta: i r i (g h a r) estis derivataj la nomoj por nuboj, hedero, rampantaj bestoj kaj kreskaĵoj, por la brutaro kaj la movebla kaj malmovebla havaĵo.

La plej natura konjekto estas (diras M. Mueller), ke la simplaj radikoj aŭ radikaj elementoj — en la sama maniero kiel la ideoj — evoluis kaj obliĝis, pliiĝis kaj ŝanĝiĝis. Sed la kontraŭa opinio ankaŭ estas defendebla, la opinio, ke la lingvo komenciĝis je la multobleco, ke multaj specialaj radikoj komence estis eliminataj, aŭ ke la pli ĝeneralaj radikoj el ili rezultis, ĉar la literoj, determinantaj la specifikan diversecon de ĉiu radiko, estis forigataj. Nepre ne estas senverŝajne, ke ambaŭ procedoj, nova alkreskado kaj eliminado, okazis samtempe. Sed — eĉ la plej arkaikan el la ariaj lingvoj, la sanskritan, oni konas nur longe post la tempo, kiam ĝi estis pasinta siajn radikan kaj algluantan gradojn, kaj neniam oni certe diros, per kiom malgrandaj paŝoj ĝi trairis ambaŭ gradojn, ĝis ĝi fiksiĝis kiel fleksia lingvo.

Por ni, kiuj parolas per fleksiaj radikoj aŭ per ekstreme delikataj lingvoj, la radikoj estas precipe tio, kio — en plena analogio — restas kiel restaĵo de nia propra dialekto aŭ de ĉiuj dialektoj, kiuj formas la grandan arian lingvo-komplekson.

Studo de la sanskrita lingvo kaj de la parencaj idiomoj ne povas proprigi al ni ĉiujn necesajn bezonojn pri lingva scienco. Tamen ĝi lernigas al ni multon. Ĝi prezentas al ni la plej subtilajn leĝojn, kiuj regulas la ŝanĝon de la konsonantoj, de ĉiu vokalo, de ĉiu akcento; ĝi kutimigas la lingviston je akurateco, influas lian estimon por ĉiu punkto, ĉiu jo de iu ajn — eĉ la plej barbara — dialekto, analizota.

Al tiu ĉi komuna materialo de la romanaj kaj germanaj lingvoj, de la indo-eŭropa lingvofamilio, Esperanto ŝuldas sian fundamenton.

Por pruvi la influon de la sanskrita lingvo je la indo-eŭropaj lingvoj kaj je la mondlingvo Esperanto, ni sekvu al la aria radiko „m a r“, signifanta: p o l v i g i, p u l v o r i g i, m u e l i, f a r u n i g i, dum ĝia aventura vojaĝo tra la mondo.

P o l v i g i devenas de polvo. Laŭ Kabe polvo estas: subtilaj liberaj eroj de seka korpo, precipe de la tero. La sama aŭtoro klarigas: p u l v o = seka substanco disigita en tre subtilajn erojn. Ĉar m u e l i = pecetigi, pulvorigi la grenon — por fari farunon (Kabe) — ampleksas la tri ideojn: polvigi, pulvorigi, farunigi, estu elektata por la radiko „m a r“ la esperanta vorto: m u e l i, tamen sen la limigo: fari el greno farunon. M u e l i do egalas: p e c e t i g i, p o l v i g i, p u l v o r i g i, f a r u n i g i ĝenerale, t. e. fari ŝtonan, lignan, teran farunon.

Max Mueller diras: Mi ne intencas aserti, ke tiuj eraras, kiuj imagus percepti en la radiko „m a r“ la grincantan bruadon de du solidaj substancoj pulvorigantaj sin reciproke. La homa sentemo pri la naturo de iuj sonoj sendube tre grave estas evoluinta laŭ la influo de la lingvo parolata aŭ konata. Ankaŭ estas certe vera fakto, ke ĉi tiu grincanta, krakanta, kartavanta bruado en diversaj lingvoj tre varie estas reproduktata. Do, ĉar ekzistas tia radiko „m a r“ kun la signifo „m u e l i“, estas natura imago, ke oni aŭdas en ĝi ion similan al la bruado kaŭzita de du muelŝtonoj aŭ de maŝino raspanta metalon. Tamen ekzistas diferenco inter la nura imitado de la neartikigita bruo, kaŭzita dum pulvorigo de malmolaj substancoj, kaj la artikigita silabo „m a r“. Ĉiu ebla konsonanta kunmetaĵo finiĝanta per l aŭ r prezentis sin por la uzado; k r, t r, ĥ r, g l r estus estintaj tute laŭcelaj kaj efikaj, kaj ili ankaŭ povas esti uzitaj — kiom ni scias — antaŭ la unua ekkomenco de la artikigita aŭ artikiginta parolado. Sed kiam „m a r“ estis gajninta la superecon, ĉiuj aliaj kombinaĵoj foriĝis; „m r“ sola estas „varbita“, akceptita, kaj ĝuste pro tio ĝi fariĝis la prapatro de granda vortfamilio. Sekvante al la historio de la radiko „m a r“ en ĝia supreniĝanta linio kaj en ĝia plua disvastiĝo, aŭ esplorante ĝiajn derivaĵojn en malsupreniranta linio ĝis tiu specifika ĝermo, oni devas esti kapabla klarigi ĉiujn ŝanĝojn, ŝanĝiĝojn pluajn, necesajn pro fonetikaj kaj etimologiaj leĝoj. En ĉiuj diversaj muntaĵoj la juvelo devas resti la sama, kaj ĉe ĉiuj diversaj falsigaĵoj de la origina vortformo devas esti videblaj aŭ manifesteblaj la kaŭzoj, difektintaj la vortformon.

En neniu vortformo, derivata de „m a r“, devas ekzisti — ĉu per plimultiĝo, malgrandiĝo aŭ difektiĝo — sona ŝanĝo, kiu ne estus apogebla sur analogia formo.

En ĉiuj ideoj, esprimitaj per ĉi tiuj vortoj, devas esti pruvebla unu ĉenero, per kiu la plej disvastigitaj deflankaĵoj kaj abstraktaĵoj direkte aŭ indirekte povas esti interrilatitaj kun la fundamenta ideo: m u e l i. En la fonetika analizo estas eligata priorie ĉio fantazia kaj arbitria; nenio estas allasata, por kio ne ekzistas iu antaŭa okazo. Tamen en la idea teksaĵo spinita el tiu ĉi unu simpla ideo de la aria spirito, oni ne devas atendi nur la regulan progreson de la logika pensado; ofte oni devas esti preparita vidi la flugon de poeta libereco. La kreado de novaj vortoj tiom estas dependa rezultato de la poeta imago kiom de la akra, spirita konkludo. Se oni eliminus la kreitaĵojn de la poezio aŭ fantazio en la plej fruaj periodoj de la historio pri la homa parolado, oni samtempe rabus al si la plej gravan helpilon ĉe la reevoluo kaj malkovrado de ĝiaj prakomencoj.

Komenconte resumon de ĉi tiu vortfamilio, oni pripensu:

1. ke r kaj l estas parencaj sonoj kaj povas anstataŭi sin reciproke; do: „m a r“ = „m a l“;

2. ke a r en la sanskrita lingvo estas mallongigita je simpla vokalo kaj tiam sonas ṛ i; do: m a r = m ṛ i;

3. ke a r povas esti ankaŭ elparolata r a, kaj a l kiel l a; „m a r“ = m r a, m a l = m l a;

4. ke m r a kaj m l a en la altgreka lingvo estis aliigitaj je m b r o kaj m b l o, kaj — post foriĝo de la „m“ — ŝanĝiĝis je „b r o“ kaj „b l o“.

(Daŭrigota.) Hugo Dreusicke, Kassel, Germanujo.

## Vienaj Reformoj.

Pedagogia fako de la landa centra asocio de ĉeĥaj geinstruistoj en Moravio aranĝis stud-vojaĝon al Vieno en la tagoj de la 22-a ĝis la 26-a de Aprilo 1928. 64 geinstruistoj partoprenis la ekskurson. La urba lernejkonsilantaro en Vieno akceptis nin tre afable kaj malfermis al ni la klasejojn de ĉiugradaj lernejoj kaj la pordojn de ĉiuj socialaj institutoj. Oni aranĝis por ni bonegajn paroladojn de ĉiuj eminentaj kreintoj kaj konstruantoj de la novaj lernejoj kaj socialaj institutoj.

Ni ekkonis, ke la nova epoko trovis en Vieno eminentajn homojn. Ni admiris grandiozan, laŭplanan, grandstilan, unuecan kaj unuigan laboron de ĉiuj unuopaj fakoj de la homa laboro.

La lernejaj oficoj de la plej altaj ĝis la plej malaltaj, la geinstruistoj, la geinfanoj, la gepatroj kaj la socialaj laborantoj unuiĝis unue interne kaj poste riceproke. La komuna, grandega kaj harmonia laboro alportas la plej belajn rezultojn. Ni vidis en Vieno feliĉajn geinfanojn, feliĉajn geinstruistojn, feliĉajn gepatrojn kaj feliĉan lernejestraron.

La Vienaj gekolegoj serĉas la animon de la infanoj, ili serĉas la metodojn de la infana laboro kaj je tiuj ili bazas sian laboron. La infanoj mem entuziasme laboras, la instruistoj fariĝas bonaj amikoj kaj kondukantoj de la geinfanoj. Tio ŝajnas al mi tre grava afero. Ĉiu instruisto eble spertis la malagrablan senton, kiam al li estis altrudata fremda metodo.

La reciproka estimo mirigas. Mi povas nur admiri kaj gratuli al Vienanoj.

Ni partoprenantoj de la ekskurso promesis solene sekvi la Vienanojn en la bela laboro kaj mi povas diri, ke mi jam sukcese komencis.

Dankeme ni ĉiam rememoros la ridetantajn mienojn kaj eminentajn paroladojn de sroj: prezidanto de la urba lernejkonsilantaro Otto Glöckel

kaj kortega konsilanto D-ro H. Fischel. Ni admiris la gravajn mienojn de la ministeria konsilanto V. Fadrus kaj univers. prof. D-ro Tandler, kiuj montris en siaj paroladoj tiom da ardeco kaj amo al siaj fakoj.

Feliĉaj estas gekolegoj kaj feliĉaj la geinfanoj, kiuj trovis tiajn gvidantojn.

La 26-an de Aprilo akceptis nin solene en la nomo de la s-ro urbestro en la kelo de la urbdomo, s-ro vicurbestro tre afable kaj ni estis bonege gastigitaj. Dum la tagmanĝo oni parolis germane kaj ĉeĥe. Mi petis la parolon kaj alparolis kaj salutis la ĉeestantojn en la nomo de TAGE en esperanto. Mia alparolo surprizis kaj faris bonan impreson. Tradukis S-ro prof. Otto Simon, membro de la urba lernejkonsilantaro. Sabate la 28-an de Aprilo aranĝis la Vienaj gekolegoj komunan kunvenon en la urbdoma kelo. Mi trovis inter ili S-inon prof. Al. Schulte, kun kiu mi tre bone amuziĝis kaj vekis intereson de miaj gekolegoj. Kaj fine mi salutis la germanajn gekolegojn en la nomo de TAGE per jenaj mallongaj frazoj: Tre estimataj ĉeestantoj! Mi salutas vin tutkore en la nomo de la Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj, kies reprezentanto mi estas. Instruistaro de la tuta mondo prezentas al si reciproke la manojn al la komuna laboro por plibonigo de la lernejoj. Vi Germanoj kantas la belan kanton: Brüder reicht die Hand zum Bunde . . . Mi prezentas al vi la manon en la nomo de TAGE, bonvolu ĝin akcepti. La frazojn komencis traduki F-ino prof. Schulte, sed oni vokis: „Ne necesas, ni komprenis“.

Mi vizitis la burĝan lernejon en Sechshauserstr., kie du kolegoj instruis esperanton en du klasoj po 20 knaboj. En la klaso de kolego Scheibenreiter mi ĉeestis la lecionon kaj mi konstatis, ke mi instruas laŭ la sama maniero, kiel S-ro Scheibenreiter. Mi salutis kaj alparolis la knabojn, kiuj bonege parolis esperanton kaj bone min komprenis, en la nomo de miaj lernantinoj kaj ni promesis reciproke la interkorespondadon, kiu estis jam komencita.

La 26-an de Aprilo mi vizitis esperantan societon en Ottakring-a Laborista hejmo, kie mi trovis 20 gelaboristojn, kiuj tre bele amuziĝis per solvado de esperanto-krucenigmoj. Oni disdonis la premiojn, skatolon da sardinoj, ĉokoladon . . ., ili kantis kaj mi salutis ilin kaj ekkantis tri ĉeĥajn kantojn de mi esperantigitajn.

Vienaj samideanoj s-roj: kortega konsilanto D-ro Wollmann, prof. D-ro Jokl kaj prof. Simon akceptis min tre afable.

Mi vizitis Vienon en 1889 kiel studento, en 1914 kiel soldato, tiam mi estis feliĉa, kiam mi forlasis Vienon irante al la batalkampo, en 1924 dum la U. E. A.-Kongreso mi ekkonis grandan ŝanĝon kaj la lasta vizito estis vere plezuro.

Fine mi devas rememori S-ron direktoron Ronge, kiu estis tre afabla kaj agrabla „Herbergsmutter“ kaj zorgadis sindoneme pri ni dum la tuta semajno. Li vere meritis la kison de unu juna filozofino, kiu partoprenis nian ekskurson. Ĉe la fino de mia raporto mi esprimas deziron kaj peton: Vienaj gekolegoj esperantistaj bonvolu traduki la belajn librojn kaj informi per esperanto la tutmondan geinstruistaron pri la bela laboro en Vieno.

Albin Neuzil.

## Internacia Esperanto-Muzeo en Wien.

Fondiĝis en Wien komitato por kreo de Internacia Esperanto-Muzeo sub ŝtata protekto!

La muzeo havas la celon, kolekti kaj konservi la tutan materialon, ligitan kun la historia movado kaj dokumente pruvi la disvastiĝon de nia lingvo en la diversaj landoj!

La evoluo de Esperanto en la lasta tempo tiom rapidiĝis, ke urĝas jam kolekti en unu centra ejo, alirebla kaj disponebla por la tuta mondo, la maloftiĝantan kaj perdiĝantan materialon de la unuaj fazoj.

Neniu alia urbo estas tiel destinita por tia tasko kiel Wien; ne nur geografie pro sia situo en la mezo de Eŭropo, sed ĉefe kaj antaŭ ĉio pro la favoro de la registaro por nia afero. Jam ĝi disponigis al ni por ĉi tiu celo dignajn reprezentajn ejojn en la centro de l'urbo Wien (Aktnumero 70 873, Minist. p. Komerco).

La organiza bazo estas leĝe jam registrita societo „Internacia Esperanto-Muzeo, Wien". Laŭ la statuo ĝi konsistas el:

a) Loka kuratora komitato (LKK),

b) Internacia kuratora komitato (IKK), en kiu sidos eminentaj esperantistoj, nomotaj de la Esp.-landorganizoj tutmondaj,

c) Internacia honora komitato (HK).

d) Konstanta Kaskontrolo.

Konvinkitaj, ke por la efektivigo de tiu granda verko ni sendube havos la apogon de la tutmonda samideanaro, ni sciigas, ke la preparaj laboroj jam komenciĝis. Detaloj pri la organizo estos prezentataj al nia XX-a, kie pri la fondo de IEMW estos farataj kelkaj precizaj raportoj.

Jam en Aŭstrujo troviĝas riĉa kaj valora materialo por la Muzeo; por ke ĝi estu internacie kompletigata, ni turnas nin al la tutmonda esperantistaro kun la afabla peto pri morala kaj materia apogo. La intereso de ĉiu unuopa lando estas des pli evidenta, ĉar la ekspozicio de ricevita materialo estos aranĝata memkompreneble laŭ landoj. Ĉio havas valoron por la muzeo, ĉu libroj, prospektoj, malnovaj gazetoj, flugfolioj, fotografaĵoj, afiŝoj ktp. Vi povas donaci ilin al la Muzeo aŭ pruntedoni. Bonvolu skribi sur ĉiu donaco vian nomon. Sur la objektoj pruntedonitaj ni notos „Propraĵo de ..." Liston de la donacintoj ni publikigos.

Aliĝu kiel membro kun jarkotizo de almenaŭ sv. frk. 1·—. Ni faros je jarfino membroliston, kiun ĉiu ricevos, kiu aldonas 20 sv. ctm. La monon sendu per respondkuponoj internaciaj aŭ de UEA!

IEMW sisteme kaj regule raportados pri siaj laboroj!

La oficiala malfermo okazos dum Wien-a Antaŭkongreso de la XXI-a fine de Julio 1929.

Ĉiujn sendaĵojn bonvolu direkti al „Int. Esperanto-Muzeo", Wien I, Liebiggasse 5.

## Internacia Infankorespondado kaj Instruistaro.

Taskoj por la Esperanto-Instruistaro.

a) La internacia konferenco de FIAI en Berlin decidis: „Dum ĉiu kongreso (de la Federacio) ekspozicio montru, kio estas farita sur la kampo de edukado al pacifismo". Ne estos tre facile, trovi la koncernan ekspozicimaterialon. Sed ni Esp.-instruistoj havos ĝin: La internacian infankorespondadon. Kiel

pruvis la ekzemplo de Leipzig (rig. paĝ. 19), en anglaj kaj francaj lingvaj kursoj la infankorespondado ne estas tre akcentata. Des pli efike ni povos prezenti la Esperantan infankorespondadon kaj montri ĝian porpacan valoron. Do la tasko de TAGE estas, prepari ĝis la venonta FIAI-kongreso (verŝajne paskon 1929 en Ĝenevo) bonkvalitan ekspozicion pri Internacia Infankorespondado.

b) Krom tio la konferenco de FIAI decidis, ke ĉiu nacia asocio prilaboru la temon: „Lernejo en la Servo de Interpopola Repacigo". Ĉe tiu okazo la diverslandaj Esp.-instruistoj denove atentigu pri la internacia esperanta infankorespondado, pri ĝia eduka valoro por interpopola repacigo. Ili nepre partoprenu eventualan ekspozicion aŭ eĉ proponu tian ĉe sia asocia estraro. (Kompreneble la instruista Esp.-unuiĝo pli facile atingos la celon ol izolulo. La organiziĝo en ĉiu lando estas urĝe necesa!)

c) Por sukcese solvi tiujn gravajn taskojn, ni agu laŭ jenaj proponoj:

1. Infankorespondado ĉie estu aranĝata.
2. La instruisto korektu ĉiun korespondaĵon, ĝis la infano fakte estas memstara. (Ni tre ofte ricevis erarplenan skribaĵon.)
3. La instruisto rigore zorgu, ke ĉiu korespondaĵo estu respondata. (Ko. Kronberger-Wien en Heroldo tute prave konstatas, ke ne-respondi al korespondanta infano signifas kompromitaĵon por Esperanto.)
4. La instruisto gvidu la korespondadon en seriozan direkton, konsiderante ke la korespondado parte estu ekspoziciinda kaj donu materialon ekz. por la Pedagogia Porpaca Ekspozicio.
5. Registru kaj zorge konservu la korespondaĵojn!
6. IPR volas akceli tiun interkorespondadon. Ni petas ĉiujn gekolegojn, anonci al nia estro de la Lerneja Servo, k-o. Rich. Müller, Kaiserstr. 53, Auerbach, Vogtland, Saksujo, aŭ al la administrejo de IPR, kiom da infanoj kapablas kaj deziras korespondi.
7. Same IPR aperigos la plendojn de kursgvidantoj kontraŭ tiuj en IPR anoncintoj, kiuj ne respondos.

Ni estu maldormaj en la momento, kiam FIAI unuanime decidis — laŭ propono de Bjerke, sveda membro de la estrarkomitato de la Federacio — ke ĉiuj asocioj esploru la problemon de internacia helplingvo kaj varbu por ĝi en siaj rondoj!! Ni ne pasive atendu la rezulton de tiuj esploroj sed plej aktive influu ĝin, altrudante al la internacia instruistaro la fakton de vigla internacia infankorespondado.

Goldberg.

## Ekspozicio de la Samtempa Kulturo en Brno (Brünn) - Ĉeĥoslovakujo.

De la 26-a de majo ĝis la 30-a de Septembro 1928 estas aranĝata la ekspozicio de la samtempa kulturo en Brno, kiu montras la bildon de la spirita evoluo kaj progreso en la lastaj 10 jaroj en Ĉeĥoslovakujo. La ekspozicio enhavas jenajn fakojn:

1. Lernejoj. 2. Homo kaj naturo. 3. Juro kaj ŝtato. 4. La spirita vivo de la homo. 5. Arto. 6. Specimenaj foiroj de Brno.

Laŭ speciala deziro de la landa lerneja konsilantaro en Brno mi aranĝis ĉe la ekspozicio esperantan angulon en la pavilono de la naciaj lernejoj. Mi montris modelajn lecionojn de esperanta instruado en mia duklasa

elementa lernejo, laŭ beleta bildo, praktikan uzon de esperanto en korespondado kaj interŝanĝado kun lernejoj en Hindujo, Japanujo, Anglujo, Nederlando, Francujo, Estonio, Germanujo kaj statistikan landkarton pri esperanto-movado en la lernejoj de ĈSR.

Fremduloj, kiuj prizorgos al si ekspozician legitimacion, ĉe iu vojaĝoficejo aŭ ĉe la ambasadorejo de ĈSR pro 18 Kĉ., ricevos 33 % da rabato de vojaĝkostoj al Brno kaj unu liberan eniron en la ekspozicion.

Samideanoj en Brno helpos al esperantaj vizitantoj. Kongresanoj de U.E.A.-K. trapasontaj ĈSR vizitu nepre la ekspozicion, vi certe ne bedaŭros tion.

Albin Neuzil.

## La Urbo de la XX-a.

### Antverpeno, la reĝino de la Skeldo.

Niaj praavoj, Germanoj de Saksa sango, estis eklogintaj sur la dekstra Skeldobordo, verŝajne en la 6-a aŭ 7-a jarcento kaj tie konstruis enŝipiĝejon. De tiu lasta vorto en Flandra lingvo „Werf“ devenus la nomo „Antwerpen“ (aen't — Andwerf, Antwerp = ĉe la enŝipiĝejo). Pli populara estas la legendo pri giganto Druon Antigoon, kiu forhakis la manon (Flandre: Hand) de ŝipistoj rifuzintaj pagi imposton, por ĵeti (Flandre: werpen) ĝin en la Skeldon. Kuriozaĵo estas, ke en la blazono de Antwerpen ankoraŭ troviĝas du manoj.

La fortigita kastelo, kiu estis la naskejo de la urbo, estis detruita de la Normanoj, tiel ke en la deka jarcento la historio pri ĝi ne plu parolas. Malrapide tamen ĝi releviĝis kaj en la 12-a jc. vivis ĉi tie jam ampleksa loĝantaro da komercistoj.

La komerco ja kaŭzis la floradon de Antwerpeno. Precize en la 16-a jc., pro la defalo de Bruĝo, Antverpeno iĝis la plej grava komerca centro de Eŭropo. Fidinda atestanto pri tiu tempo estas la italo Ludovico Guicciardini, kiu travojaĝis la Nederlandojn, pri kiuj li donis priskribon eldonitan en 1567 en la fama Antwerpena presejo de Kristoforo Plantin, la reĝo de la tipografoj de sia tempo. Lia plej interesa domo kun laborejo kaj butiko estas konservata ĝis nun en sia originala stato kaj vizitebla de la publiko.

Krom la komerca prospero la industrio plene floradis. Ekzistis multaj fabrikejoj de drapo kaj ĉiuspecaj silkoj. La Antwerpena veluro estis ĉie konata. De 1415 oni teksis tapiŝojn. La veturilfarado kaj vitropentrado okupis multajn en Antverpeno, kie eĉ estis troveblaj kanonfandejoj. Plie ekzistis potencaj gildoj aŭ korporacioj kaj inter ili tiu de la bierfaristoj kun 200 membroj. La „Gerstenbier“ (hordea biero) estis tre ŝatata kaj eksportata eksterlanden. Antverpeno ankaŭ de tiam famiĝis pro siaj diamantpolurejoj laŭ metodo, kiun la Bruĝano Ludoviko van Berkem eltrovis. Estus tre interese por la kongresanoj, viziti modernan diamantlaborejon.

Antverpeno estis la metropolo de la Flandra arto. Alberto Dürer, kiu loĝis tie ĉi en 1520 konfesis, ke li ne vidis en Germanujo tiajn fieregajn palacojn kiel en la Skeldurbo. En 1518 la belega katedralo gotika kun sia gracia turo, 123 metrojn alta, estis fine konstruita post du jarcentoj da laboro. Laŭ Schiller ĝi estas la plej bela preĝejo de la Kristaneco post tiu de Sankta Petro en Romo. La riĉeco de Antverpeno bedaŭrinde pereis pro la religia batalado dum la hispana regado kaj en 1648 la fermo de la Skeldo pro la kontrakto de Munster donis la mortigan baton. La denaska

artema naturo de la Antwerpenano tamen glore riveliĝis en tiu tempo de malprosperado. Heredintoj de la famo de Quinten Matsys, la lasta reprezentanto de la gotika Flandra pentroskolo aperis figuroj kiel Rubens, van Dyck, Jordaens, Teniers Quellin kaj aliaj pentristoj kaj skulptistoj, kiuj por eterne fiksis la prestiĝon de la Flandra pentrarto. En muzeoj kaj preĝejoj iliaj ĉefverkoj estas admirataj.

La Skeldo, tiu fonto de riĉeco de Antverpeno kaj de la tuta Belgujo estis denove malfermita por la ŝipveturado de la unua Franca Respubliko en 1792 kaj precipe dum la regado de Napoléon I., la komerco ree ekfloris kaj poste daŭre prosperis, precipe kiam en 1863 la impostoj, kiuj devis esti pagataj al Holando estis forigitaj. Vizito de la haveno estos organizata dum la universala kongreso.

La moderna Antverpeno same kiel la haveno ĉiam plivastiĝas. Ĝi estas la plej granda urbo de Belgujo (300 000 da enloĝantoj — 500 000 kun la antaŭurboj).

De ĉiu vidpunkto Antverpeno estas vizitinda. La reĝino de la Skeldo, kiu tiel gasteme akceptis la Esperantistojn dum la 7-a kongreso en 1911, sin pretigas por agrabligi kaj plej interesigi la viziton de kelkaj miloj da kongresanoj en la venonta monato aŭgusto.

H. Vermuyten (Antverpeno).

## TAGE-kunveno en Antverpeno.

Okaze de la UEA-kongreso la E-instruistoj havas fakkunvenon kun jena tagordo:

1. Raporto pri TAGE kaj IPR.
2. Kunlaboro de TAGE en la pedagogia movado
   (Internacia Oficejo de Edukado,
   Internacia Laborrondo por Nova Edukado,
   Federacio Internacia de Asocioj Instruistaj,
   Internacio de Eduklaboristoj,
   Mondfederacio de Instruistaj Asocioj)
3. Esperanto kaj Reformo de la Historiinstruo.
4. Kunlaboro de TAGE en UEA kaj SAT.
5. Fondo de landaj unuiĝoj de E-instruistoj, filioj de TAGE.

Krom tio estas projektita E-leciono kun infanoj.

Tempon kaj lokon vi ekscios en la kongresejo kaj el la kongresmaterialo.

Atentigu la ĉeestontajn instruistojn pri la TAGE-fakkunveno!

Gekolegoj, kiuj veturos Antverpenon, bonvolu informi la administracion de IPR.

## TAGE-kunveno en Göteborg.

Ni proponas la saman tagordon kiel por la kunveno en Antverpeno. Punkto 3 estu anstataŭata per raporto pri la kongreso de Edukintern en Leipzig.

## Konferenco de „Federacio Internacia de Asocioj Instruistaj" (FIAI) - en Berlin paskon 1928.

La tiujara delegitarkunveno okazis dum la per la nombro de 7000 partoprenantoj imponanta Internacia Pedagogia Kongreso la 14-an - 16-an de

Aprilo en la kunvenejo en la bela domo de „Deutscher Lehrerverein“ (Germana instruistasocio) en Berlin. Partoprenis 40 delegitoj de la diversaj aliĝintaj naciaj instruistasocioj de Anglujo, Bulgarujo, Ĉeĥoslovakujo, Estonio, Francujo, Germanujo, Jugoslavujo, Nederlando, Latvio, Litovujo, Polujo, Svedujo, Svisujo. (La internacio havas 483 000 membrojn.) Gastoj estis reprezentantoj de la germana pedagogia fakgazetaro, reprezentantino de la germana ligo por la Ligo de Nacioj kaj Internacia Eduk-Oficejo-Ĝenevo, grafino Dohna, kaj reprezentanto de la Esp.-instruistaro, Schneller-Leipzig.

1. Unua tagorda punkto estis la raporto de la sekretario Dumas - Paris. Dumas rakontis mallongige la malgrandan historion de la internacio, li vidigis al ni la limojn inter la nova internacio FIAI kaj la jam ekzistantaj internacioj, limojn, kiuj ne permesas pro la nedependemo de FIAI kuniĝon kun la aliaj internacioj. La gravecon de la nova internacio atestas la nombro de ĝiaj membroj — grandioza asocio, sed ne nur fasado, malantaŭ kiu ekzistas nenio alia ol espero. La agado de FIAI, akompanata de ĉiun kvaran monaton franclingve aperanta bulteno, celas kunlaboradojn pedagogian kaj porpacan per dokumentado pedagogia, purigado de la historilibroj, verkado de internaciaj lernolibroj, interŝanĝo de geinstruistoj kaj gelernantoj ktp.

La angla delegito Goldstone denove proponas, havigi al si kaj konservi tre amikajn interrilatojn al la internacio de San Francisko „World Federation“. Pro tio el kvin personoj konsistanta komitato estas komisiita starigi planon de la kunlaborado („World Federation“ havos kongreson en 1929 en Ĝenevo), membroj: Bjerke-Svedujo, Dumas-Francujo, Goldstone-Anglujo, Thijssen-Nederlando. Wolff-Germanujo.

2. La ĝis nun aperinta bulteno „Bulletin Trimestriel“ restas la organo de FIAI aperonta sammaniere kiel ĝis nun. La naciaj asocioj havos la devon, diskonigi la artikolojn inter siaj anoj helpe de sia pedagogia gazetaro.

3. La laboro de la venonta federacijaro ampleksu a) enketon pri porinstruista instruado kaj salajroj kaj vivkostoj en la diversaj landoj, b) organizon de interŝanĝo de geinstruistoj kaj gelernantoj per ĉiulande starigota komitato — turisma servo —, c) esploron de internacia legolibro verkota por dekdujaraj infanoj pro mondrepaciĝo, d) batalon kontraŭ ŝovinistaj historilibroj — tiuokaze estas akceptata franca propono: ĉiuj asocioj pritraktu en la venonta jaro la temon „La lernejo en la servo de popolrepaciĝo“ laŭ la modelo de „Deutscher Lehrerverein“ (Germana Instruistasocio), e) organizon de speciala instruo pri Ligo de Nacioj interne de la ĉiulandaj popollernejoj kaj organizon de ĉiujare akompananta la kongreson ekspozicio pri instruitaĵoj pri popolrepaciĝo, f) ĉiulandan organizon de nacilingva instruado por la en la diversaj landoj ekzistantaj laŭnaciaj malplimultoj.

4. Lapierre-Francujo faras detalan raporton pri rezultatoj de enketo pri lernejo kaj eklezio en ĉiuj landoj. Lasta decido pri tiurilata federacia programo estas prokrastita.

5. Laŭ propono de Bjerke-Svedujo la internacio esploros la problemon de mondhelplingvo kaj oficialigos kaj sukcesigos al siaj membroj pere de la naciaj asocioj la studon de la mondhelplingvo. (Tiun decidon ni dankas antaŭ ĉio al bonege verkita de nia sekretario de TAGE propagandletero,

kiu estis transdonita en nacilingva tradukaĵo farita de samideanoj de la koncernaj landoj al la en la estran komitaton senditaj delegitoj).*)

6. Por la venonta jaro estas elektataj kiel anoj de la estrarkomitato apud la daŭraj membroj (delegitoj de Anglujo, Francujo kaj Germanujo) la delegitoj de Jugoslavujo, Nederlando kaj Polujo.

7. La venonta kongreso verŝajne okazos en Svisujo post koncerna decido de la estrarkomitato.

Schneller—Leipzig.

## Pedagogia Kongreso en Leipzig.

Pasintan paskon la Internacio de Eduklaboristoj aranĝis internacian pedagogian kongreson kun la temo „La proletaria infano". Temo, referatoj kaj diskutoj esprimis la karakteron de la Internacio, kies mondpercepto estas: La sociordo estas la rezulto de la klasbatalo, kaj kies celo estas: Forigo de la nuna kapitalista sociordo. La kunsidoj okazis en la domo de la Leipziga Instruista Asocio. Partoprenis proksimume 150 germanaj instruistoj kaj 40 alilandaj. La rusaj instruistoj ne estis ricevintaj la germanan pasportvizon.

Konciza raporto donu bildon de la kongreso: Doering de la pedagogia instituto Leipzig, refutis la aserton de kelkaj statistikoj kaj scienculoj, ke la proletaria infano havas malpli bonajn psikajn talentojn. Korpaj kaj psikaj talentoj plej forte estas influataj (sed ne kreataj) de la medio de la infanoj: Riĉaj gepatroj povas flegi kaj akceli la hereditajn talentojn, malriĉeco malhelpas ilian normalan evoluon. Ekonomiaj krizoj detruas en unua vico la proletarian familion, kaj poste la malbona medio danĝerigas la normalan evoluon de la proletaria infano.

Meta Kraus-Fessel, Berlin, montras riĉan materialon pri infan- kaj virinlaboro. D-ro Oki, Japanujo, raportas, ke tie junuloj kaj infanoj en fabrikejoj estas 50% de la tuta laboristaro. Infanoj laboras dum 12-15 horoj ĉiutage. 9-jaraj kaj pli junaj infanoj laboras en spinfabrikejoj. Depost 1926 estas fonditaj miloj da militistaj edukejoj por junuloj en aĝo de 16 ĝis 20 jaroj.

Hierl-Jena (Germ.): La religia idolo de la primitiva homo montras, en kiu grado la primitivulo ne povis regi la natur-fortojn. En tiu senco ankaŭ hodiaŭ religio estas konduko for de la fundamentaj taskoj de la homo, science esplori la naturon kaj regi ĝin. Religio kaj fabeloj devas esti forigataj, ili donas okazon, ke la infano retiriĝas en la sonĝon de la primitivulo, en la fantazion. Ili ne helpas forigi ekonomiajn krizojn, malsanojn, la kapitalistan sistemon.

La diskuto pri la referatoj Redgrove-Anglujo kaj Rednas-Belgujo (Lernejo kaj Socio) akcentas la postulon, ke la proletaria infano estu edukata revolucia homo. Ruge-Berlin ne volas eduki al morala, pacifista ŝtatano, sed al komunista moralo, detrui la nunan socion kaj ĝian lernejon. D-ro Bernfeld-Berlin: La proletariaj infanoj estu starigataj en la klasbatalon, ne en la publika lernejo sed en la proletariaj infanorganizaĵoj. Capper-Anglujo: La angla laboristaro pli forte estas religie ligita ol la kontinenta laboristaro. 42% de la lernejoj estas ŝtataj, 50% ŝtatekleziaj, 8% alisektaj.

---

*) Tre detale motivigita kaj tre longa decidpropono de TAGE al FIAI estis nacilingven tradukita kaj transdonita al la koncerna nacia delegito en la estrarkomitato de FIAI de jenaj kolegoj, al kiuj ni ŝuldas tre grandan dankon: Kate Hancock-Anglujo, Sarafov-Bulgarujo, Neuzil-Ĉeĥoslovakujo, Elizabet Lübeck-Estonio, Boubou-Francujo, Bennemann-Germanujo, Korte-Holando, Petroviĉ-Jugoslavujo, Bruklis-Latvujo, Prapuolenis-Litovujo, Gluchowski-Warszawa-Polujo, Malmgren-Svedujo, Schneller-Leipzig insistis atingi interrilaton kun la estrarkomitatoj en Berlin pro tiu decidpropono. G.

La ĉefa diskutproblemo de la 3-a tago estis la Lerneja Disciplino. Freinet-Francujo kritikas la aŭtoritatecon en la apliko de la disciplino. Instruplanoj kaj ekzamenoj estas la kaŭzoj de la kontraŭnatura disciplino. La nova disciplino povas esti bazata nur sur profunda scienca kono de la infana psiko. D-ro Bernfeld: La proletaria edukisto devas kolekti la infanojn en amasaj organizaĵoj por festoj, demonstracioj kaj detrui per tio la aŭtoritatecan ordon de la lernejaj klasoj. Tiaj „lernejkomunumoj“ laboras en la servo de la klasbatalo. Moore-Anglujo: En la elementa lernejo, en kies klasoj sidas 60 infanoj, ne temas pri edukado, nek pri iniciativo, sed nur pri obeo. La religio servas kiel rimedo por edukado al obeemo. Ruge: Ni ne nur devas ĝeni la ordon de la lernejo, sed detrui ĝin. La infanoj de la duagradaj lernejoj devas enpenetri en la administran maŝinaron (decidrajto en konferencoj, lecion- kaj studobjektplanoj, aranĝoj). Sukcesinte tion la infanoj tute ne atentu la disciplinon (en la konferencoj). Peters-Belgujo: La estimo de la edukisto antaŭ la infano kiel spirite memstara persono ne permesas, eduki la infanon al iu partio. D-ro Bernfeld: La proletaria infanmovado atentu kaj konservu la socialistan unuecon de la laboristaro.

La problemon de la disciplino ankaŭ tuŝis la Majo-kajero de Sennacieca Revuo, organo de la proletariaj Esperantistoj (SAT). Tie (paĝoj 114-115) ni trovas jenan antitezon al la diskutoj de Leipzig: „La gepatroj montru al siaj infanoj, ke ili (infanoj) ĉiam devas esti atentemaj al la instruistoj kaj tre respektu ĉi tiujn. — La gepatroj parolu (antaŭ la infano) nur favore pri ĝia instruisto, por fortigi la moralan aŭtoritatecon de la edukisto rilate la infanon. Tial antaŭ la infano neniam malaprobu ĝian instruiston, ĉar tio tre influus por la maldisciplino klasa aŭ lerneja. — Se ion ordonas la instruisto al infano, la gepatroj devas montri fortan inklinon favoran al la instruisto, por ke la infano plenumu laŭlitere ĉion, kion la edukisto kredas necesa.“ Mankis en la diskuto en Leipzig ĉi tiu antitezo kaj la sintezo.

Pinkeviĉ-Sovetio, kiu sole estis permesita vojaĝi al Leipzig, transdonis la salutojn de la rusaj edukistoj kaj skizis la celon de la sovetia lernejo, kiu krom tio estis montrata en granda formato kaj tre instrua maniero en la samtempa Pedagogia Ekspozicio (Grassi-Muzeo, Leipzig).

Post la pedagogiaj tagoj sekvis la 5-a kongreso de la Internacio de Eduklaboristoj, kiu plenumis ĉefe internajn taskojn, kaj pri kiu ni eble raportos ĉe alia okazo.

La Internaciaj Pedagogiaj Tagoj denove montris al ĉiu partopreninto la necesecon de komuna lingvo. Kvankam estis uzitaj nur 4 lingvoj (angla, flama, franca kaj germana), la malhelpaĵoj estis grandaj: La referatoj anglaj kaj francaj devis esti tradukataj en germanan lingvon. Kelkaj negermanaj delegitoj nenion komprenis de la paroladoj, diskutoj, plejgrandparte diritaj en germana lingvo. En specialaj okazoj la germanlingva diskuto devis esti tradukata en francan aŭ anglan lingvon. Redgrove-Anglujo kaj Peters-Belgujo (Flamo) konstatis, ke ili estis miskomprenitaj sekve de la tradukoj (kvankam deĵoris tre lertaj tradukantoj!). Estraranoj kaj multaj partoprenintoj deklaris: Ni bezonas la helplingvon! Malbona memoraĵo el pasinta tempo de interbatalo de helplingvaj sistemoj estis la sola kaŭzo, ke la pedagogia sekretario ne riskis sekvi niajn klopodojn por Esperanto.

La instruista kaj laborista Esp.-grupoj de Leipzig aranĝis komunan internacian kaj interesan vesperon por la eksterlandaj samideanoj.

Plenan preskaŭ surprizan sukceson por Esperanto ni konstatis en la jam menciita Pedagogia Ekspozicio: 1. Loka Komitato de la kongreso decidis unuanime, traduki ĉiujn klarigajn germanajn surskribojn en la diversaj ekspoziciaj fakoj nur en Esperanton, por plifaciligi al ne-germanoj la komprenon de la tekstoj. 2. La Esp.-instruistoj de Leipzig efektivigis la projekton de la Ekzekutiva Komitato de la Internacio, ekspozicii la Internacian Infankorespondadon. Kvankam ekzistas en Leipzig proks. 150 anglaj kaj multaj francaj kursoj, de ili neniu materialo alvenis pri infankorespondado. Do ni montris per riĉa kaj parte tre valora materialo la internacian infankorespondadon de niaj Esperanto-lernantoj. La plej interesa objekto de tiu fako estis granda mondkarto, sur kiu vidiĝis la koresponda interligo de la Leipzigaj Esperanto-infanoj kun la tutmondo. Tiu prezentado de faktoj tre bone efikis, kiel montris la intereso de la multnombra vizitantaro kaj la recenzoj en la pedagogiaj rondoj kaj gazetoj.*) Esperanto ne aperis kiel problemo, sed kiel memkomprenebla fakto. En dua ejo (Esperanto en la Servo de Internacia Instruistaro kaj Laboristaro) sur granda karto de Saksujo estis markitaj ĉiuj saksaj lokoj (42) en kiuj estas Esp.-instruo en la lernejoj (77), kaj de kiuj okazas internacia infankorespondado.

La gekolegoj, laboristoj kaj gejunuloj, kiuj helpis la preparon de la ekspozicio, tre grave servis al la Esp.-movado kaj meritas plej sinceran dankon.

Goldberg.

## Ĉefkunveno de la E-Asocio de Germanaj instruistoj.

La 8-a ĉefkunveno de la E-Asocio de Germanaj instruistoj okazis interne de la 17-a Germana E-Kongreso en Potsdam la 26-an de majo.

Antaŭtagmeze en la realgimnazio antaŭ multnombra aŭskultantaro, inter kiu troviĝis la honor-prezidanto de la kongreso, universitata profesoro D-ro A. Schmidt-Berlin kaj profesoro D-ro Dietterle, direktoro de la E-instituto, estas faritaj du E-lecionoj en popollernejaj klasoj de kolegoj Markaŭ kaj Heinrich-Potsdam en bonega maniero propagandante Esperanton kiel sole en popollernejo sukceson promesantan fremdlingvan instruon.

La jarraporto de la prezidanto Schneller-Leipzig montris du signalojn al agadoj farita kaj farota: IALA (komp. Revuo n-ro 4–5, pĝ. 6) kaj FIAI (Fédération Internationale des Associations d'Instituteurs, komp. raporton pri Berlin-a konferenco en ĉi tiu numero de Revuo).

Postiris referato de la prezidanto pri E kaj la reformo de la historiinstruo. Sekvante la vojon de la germanaj historiistoj Ranke, Spengler kaj montrante la diversajn klopodojn pri reformo (Kawerau, Nouvelle Histoire de France, Projekto Novaj Tempoj) la parolinto starigis la modernan historiinstruon sub la devizo: De la popolo al la homaro! Do: la spiriton de la instruo kreas la interna ideo de Esperanto kaj gravajn helpojn al la realigo de la ideo donas la tiurilata uzado de nia lingvo.

Post la kasraporto, tre valoraj iniciatoj kaj proponoj de la ĉeestantaro, reelekto de la ĝisnuna estraro salutis la instruistaron la brazila universitata profesoro Von Bergheuser el Rio de Janeiro.

Sch.

---

*) Tre klara fotografaĵo de tiu infankoresponda fako estas aĉetebla por 1 germ. mark. en la administrejo de IPR.

## Kunsido de la Esperanto-Asocio de Saksaj geinstruistoj.

La trian labortagon de la Chemnitz-a ĉefkunveno okazis kunsido de saksaj esperanto-instruistoj. Samtempe okazis la laborkunsido en la granda salono de la Unuiĝ-domo. La temo pri historiinstruo estis tro grava, tial la kantsalono ne estis plenplena.

Malgraŭ la malvasta kunsidejo la estraro sukcesis, entuziasmigi la partoprenintojn. La unua prezidanto, S-ro Hahn-Gohlis, salutis kontentigan nombron da esperanto-instruistoj el ĉiuj partoj de Saksujo, inter aliaj ankaŭ superlernejkonsilanton D-ron Kraner-Dresden kaj la direktoron de la Esperanto-Instituto por la Germana Regno, S-ron P-rof D-ron Dietterle-Leipzig.

Unue la prezidanto raportis pri bonaj okazintaĵoj dum la pasinta laborjaro. La saksa geinstruistaro ĉiam pli kaj pli fidas la laborojn de la Esperanto-Asocio de Saksaj Geinstruistoj, ties membronombro kreskis ĝis la kvara cento. La ministerio por popolklerigo dufoje donis al la Asocio financajn subvenciojn; 15 de la ministerio subvenciitaj instruistaj kursoj okazis. En la laborplano de 12 distriktunuiĝoj troviĝas la temo: Esperanto kaj la lernejo. La jarraporto, transdonita al la ĉefasocio de Saksaj Geinstruistoj kaj la „Statistiko pri Lernejo kaj Esperanto en Saksujo“ atestas la progresojn kaj sukcesojn de la Asocio.

Kiel dua punkto de la tagordo sekvis poezia prologo de superinstruisto Rothe-Buchholz.

Trie la ĉefparolinto studkonsilanto D-ro Trögel de la supera provlernejo Dresden parolis pri „Esperanto kiel kulturo kaj klerigaĵo“. Li klarigis la abstraktaĵojn kulturo kaj klerigo kaj priparolis la interrilatojn inter ili. Apud la popolkulturoj staras hodiaŭ la mondkulturo; ĝi estas sennacia, supernacia. La arto, la tekniko, la tuta vivo de l' popoloj ĉiutage provas tion. La fundamento de la mondkulturo devas esti mondlingvo. Kaj kiu estas la celo de la klerigo? La homo fariĝu agema membro de la socio. El la popolsocioj estu trovata la vojo al la homaro. Kiel rilatas Esperanto al kulturo kaj klerigo? Esperanto enhavas altajn klerigvalorojn formalajn, jam tial ĝi estu enkondukata en lernejojn. Kio estis por la malnova lernejo Latino, tio estos por la hodiaŭa popollernejo Esperanto! Esperanto estas ankaŭ laŭenhave tre valora. La konvinko, ke la amaso da nacie ligitaj kaj ligataj homoj iam formu unu socion, ignorante la naciajn barilojn, por fari komunan kulturlaboron; tio estas la Interna Ideo de Esperanto. La celo estas la interpopola paco.

La entuziasmigaj vortoj de la parolinto vekis viglan aplaŭdon kaj plej koran dankon.

## Sciigoj de la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko.

Riesa: Ekzamenoj okazis la 13-an kaj 14-an de aprilo. Komisiono: Prof. D-ro Dietterle, Leipzig; lernejestro Hahn, Gohlis-Dresden; sup. instruisto Naumann-Großenhain.

23 geinstruistoj sukcese plenumis la ekzamenon pri scienca-pedagogia kapableco: Ludwig Engelhardt, Walter Fechler, Ernst Fickler, Artur Franke,

Alfred Hamitzsch, Karl Hase, lernejestro Kurt Haubold, Hugo Hennig, stud. as. Gustav Hermann, Kurt Hofmann, lernejestro Richard Hofmann, Werner Hofmann, Karl Holzhausen, stud. kons. Kieser, Karl Kröber, stud. as. Lange, Bernhard Mosebach, Anna Müller, Karl Ritter, Walther Schmidt, Edith Urban, Kurt Winkler, Dir. D-ro Wolf.

Depost pasko esperanto estas instruata en ĉiuj lernejoj de Riesa, ankaŭ en la realgimnazio kaj la komerca lernejo.

Dresden: La Dresden-a komisiono ekzamenis kvar sinjorojn; ĉiuj bone sukcesis.

1. Ekzameno pri scienca pedagogia kapableco: S-ro Otto Leichert, Freital, S-ro Reinhold Scheibler, Wurgwitz.

2. Ekzameno pri lingva kapableco: S-ro Erich Schulze, Cossebaude, S-ro Richard Zscherper, Meissen.

Hahn, Gohlis-Dresden.

## TAGE plue kreskas.

Fine de la pasinta jaro ni povis konstati en n-ro 11-12, ke la abonantaro de IPR kreskis de 511 ĝis 630, t. e. je 42%. Hodiaŭ ni povas doni la tre ĝojigan informon, ke la kresko de nia movado daŭras en 1928: Jam nun ni superis la staton el fino de 1927. La saksa kasisto anoncas 292 abonantojn (264 en 1927), la germana 95 (115), el aliaj landoj venis 291 abonoj (251), sume 639 abonantoj! Informoj el diversaj landoj esperigas nin, ke ni ĝis fino de 1928 facile atingos 700.

Vasta estas la kampo de nia propagando: 2000 Esp.-instruistojn ni ankoraŭ devas varbi kaj konvinkigi pri la neceseco de TAGE. Bonaj perspektivoj al plua kresko de TAGE rezultiĝas el 1. la vigla propagando en Svedujo, 2. la gravaj decidoj de FIAI, 3. la kunlaborado de la Internacia Oficejo de Edukado, 4. la kunlaboro de eminentaj samideanoj, 5. la intereso de IALA por la instruista Esp.-movado. Tamen ni ne vivu de espero kaj deziro pri laboroj de aliaj, sed ĉiu mem laboru! Tiam fine de la jaro ni denove raportos: TAGE plue kreskis.

## Peresperanta Enketo de „Chemnitzer Tageblatt“.

La konata gazeto „Chemnitzer Tageblatt“ aranĝis enketon per Esperanto. Kiel rezulton ĝi publikigis sub la titolo „Kion oni parolas pri ni“? Esp.-leterojn el 50 landoj de la tero. La leteroj mem kun la diverslandaj poŝtmarkoj estas videblaj en granda montrofenestro de la redaktejo, kaj la lertege aranĝita ekspozicio allogis multajn interesitojn. La bonega entrepreno estis tre efika, ĉar la artikolo aperis dum la ĉefa jarkunveno de la saksa instruistaro, kiun ĉeestis 5000 geinstruistoj. Ni dankas la impresigan propagandon al nia meritoplena samideano sup.-instruisto Klemm, Chemnitz.

## Tutmonda Ligo por Seksaj Reformoj.

Tiu Ligo (World League for Sexual Reform) uzos dum sia unua mondkongreso, 1.—5. Julio 1928 en Kopenhagen ankaŭ Esperanton. Celo de la Ligo estas:

1. disvastigi la seksosciencan scion, 2. praktike utiligi la rezultojn de la sekso-sciencaj esploroj kaj batali kontraŭ la antaŭjuĝoj kaj aranĝoj, kiuj kontraŭstaras racian reguligon de la seksaj aferoj, 3. unuigi ĉiujn samideanojn en la mondo. Monata gazeto de la ligo enhavos artikolojn ankaŭ en Esperanto! Inter la fondintoj troviĝas Auguste Forel-Svisujo, konata amiko de Esperanto. Jarkotizo kostas 5 germ. mark., kongreskarto por Kopenhago 20 germ. mark. Skribu esperante al D-ro Leunbach, Stockholmsgade 39, Köbenhavn, Danujo. Partoprenintoj bonvolu raporti al IPR.

## Internacia Esp.-Konferenco de Universitanoj

okazos 28. Julio — 2. Aŭgusto 1928, kelkajn tagojn antaŭ la UEA-kongreso en Bruxelles por profesoroj, studentoj kaj diplomatoj.

Por ebligi plej eblan sukceson al tiu konferenco, ni alvokas ĉiulandajn Esp.-universitatanojn, grupiĝi en landaj specialaj organizaĵoj, laŭeble sekcioj de Naciaj Societoj.

Estas dezirinde ke diverslandaj s-anoj klopodu ĉe naciaj universitataj asocioj diverskarakteraj, por sukcesi ricevi ilian aliĝon kaj instigi laŭeble reprezenton al la konferenco (se ne direktan, almenaŭ peran per E-istoj partoprenontaj).

Ni alvokas ankaŭ ĉiujn E-istojn, kiuj sin interesas pri nia movado, ĉeesti la konferencon en Bruxelles. — Kotizo: 1 sv. fr.

Pri aliĝo skribu al Gaston Van der Lyn, 74 rue de Hollande, Bruxelles, Belgujo. Pri tagordo ktp. al Jan Zylberstejn, 8 rue Baour-Lormian, Toulouse, Francujo.

## Supera Esperanto-Kurso.

Por ebligi gvidadon de superaj kursoj de Esperanto, ĵus aperis nova, nur en Esp. verkita, interesa lernolibro „Supera Kurso de Esperanto" en 10 lecionoj. Por ke eĉ sen instruisto supera studado de E. estu ebligata, instruistoj ĉiulandaj komuniku sian pretecon, korektadi perletere la 10 lecionajn taskojn, ĉiu en sia lando. La lernanto enmetas duoblan leterafrankon en ĉiun leteron. La instruisto ricevos senpagan kurslibron. Viaj nomo kaj adreso aperos, por informi la lernantojn, sur aparta „Listo de landaj instruistoj perleteraj". Bonvolu tuj skribi al D-ro Leopold Dreher, Starowislna 37, Krakow, Polujo.

## El Praha.

La 16-an de Majo 1928 paroladis en Radiostacio Praha ĉeĥe kolegino Julie Ŝupichova pri „Esperanto kaj junularo".

## Mondjunulartendaro

okazos 25. Julio — 8. Aŭgusto ĉe Chemin des Dames-Francujo antaŭ la Mondjunulara Packongreso en Eerde. Ambaŭ aranĝoj preparas Mondligon de la Junularo. Demandoj kaj aliĝoj kontraŭ 0,30 germ. m. ĉe W. Jantschge, Frankfurt a. M., Eckenheimer Landstr. 287. Ĉe la sama adreso estas havebla (por 1,50 germ. m. kaj 0,30 germ. m. afranko) interpartia broŝuro „Für einen Weltbund der Jugend" (Por Mondligo de la Junularo). Poŝtĉekkonto: Frankfurt a. M. 33 063.

# Bibliografio.

**Galerio de Zamenhofoj.** — Kolektita de E. Wiesenfeld. (40 paĝoj, 19 fotografaĵoj, genealogia tabelo). Utila verketo kun multaj detalaĵoj pri la familio Z., alie ne troveblaj. Bona stilo. — Eld.: Heroldo de Esperanto, Horrem b Köln, Germanujo.

**Sakuntala.** — (prononcu la 2-an silabon!), 39-paĝ postrakonto de la samnoma dramo de Kalidasa (hindu poeto el la 6-a jarcento post Kristo). 4-a volumo de la Ilustrita Biblioteko. Eld.: Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln, Germ.

**Ribelemaj virinoj.** — De M. Ĉ. Kuo; trad. Ŝ. M. Chun. (31 paĝoj). Drameto iom stranga kaj kruda. Bonstila. Eld.: Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln, Germ.

**1001 noktoj.** — 3 rakontoj el tiu fama kolekto. (31 paĝoj). Tre bone kaj bonstile rakontitaj. Eld.: Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln, Germ.

**Josef kaj la edzino de Potifar.** — Originale de H J. Bulthuis. Du volumoj kun 388 paĝoj entute. — Ne grava, profundpensa literaturaĵo, sed bela, ĉiam interesa rakonto pri la sorto de Haag'a stratbubo. La tre bona, simpla stilo igas la verkon tre konvena jam por komencantoj (ne por infanoj). Eld.: Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln, Germ.

**Devi Angreni** (kaj Mak Miah). — Du rakontoj el Java, originale verkitaj en Esperanto de P. W. van den Broek. N-roj 1-2 de la Ilustrita Biblioteko. Eld.: Heroldo de Esperanto, Horrem b Köln, Germ. — 63 paĝoj. El la malgrandaj historietoj oni lernas multe pri la insula medio kaj moraro, precipe per multaj klarigoj, kiuj bedaŭrinde lokiĝis inter la tekstajn liniojn kaj pro tio tre ofte interrompas la fluon de la rakonto.

**Landoj de l' fantazio.** — Romano originale verkita de Teo Jung. (319 paĝoj). — La aŭtoro aviade nin gvidas al lando perdita inter nepaseblaj altmontaroj, kaj per fleksiĝema — iom noviĝema — lingvo li prentras siajn sorĉbildojn. Poste li kondukas du princojn el tiu oazo de la feliĉuloj en niajn centrojn de l' civilizacio, eĉ al Horrem en Eŭropo. Eld.: Heroldo de Esperan o, Horrem b. Köln, Germ.

**La refleksiva pronomo en Esperanto.** — D-ro Lippmann (direktoro de la Gramatika Sekcio en la Akademio). — Kiel oni rajtis atendi, verketo de diligenteco kaj klareco. Ĉiu germanlingva instruisto ĝin nepre devas havi. Sed al komencantoj oni ne ĝin enmanigu, ĉar alie la vero, ke Esperanto estas facile lernebla lingvo, ne kredebliĝas. — Eld.: Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln, Germ.

**La morto de Danton.** — De Aleksej N. Tolstoj. Tragedio. El rusa lingvo tradukis Nikolao Hohlov. 75 pĝ. broŝ. germ. mark. 1.60 (sv. fr. 2.—) Eld.: Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln, Germ.

**La Tajdo.** — De Nikolao Hohlov. — Liriko. Poemaro. Kun portreto de la aŭtoro. 64 pĝ. broŝ. germ mk. 1.20 (sv. fr. 1.50). — Eld.: Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln, Germ.

**La alta kanto de la amo.** — De Teo Jung. — Laŭ malnova legendo rekantita originale en Esperanto. Dua luksa eldono. 38 pĝ., prezo: germ. mk. 0,80 (sv. fr. 1.—). Eld.: Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln, Germ.

**Ĉu estas ebla kaj necesa internacia helplingvo?** — De D-ro Ivan D. Ŝiŝmanov. — Eld.: Bulgara Esperantista Asocio Sofia. Prezo: 0,50 sv. fr. Havebla ĉe agentejo „Pelikan", Alabinska 19, Sofia (Bulg.). — Ĉi tiu 28-paĝa broŝureto, klare kaj bonstile, interesege kaj spirite skribita, enhavanta multe da konvinkiga materialo por la batalo kontraŭ la indiferentuloj, antaŭjuĝemuloj kaj malamikoj de Esperanto, tre varme povas esti rekomendata al ĉiu esperantisto. La libreto estas bona ilo por la urĝe necesa poresperanta propagando.

**For la neŭtralismon!** — De E. Lanty. — 3-a eldono. Havebla ĉe Sennacieca Asocio Tutmonda. Colmstr. 1, Leipzig-O, 27, Germ. Prezo: 0,30 germ. mk. — Ĉi tiu 29-paĝa broŝureto, facile kompreneble skribita kaj bonstile kaj klaskonscie verkita enkondukas per konvinkigaj vortoj en la celojn de la peresperanta sennacieca movado.

**Esperanto.** — De Robert Kreuz, L. K. -- Eld: Wilhelm Violet, Stuttgart, Germ. 500 komercaj frazoj. — La libreto estas bona por komercistoj, por perfektiĝi en komerca korespondado kaj konversacio.

**Kvin vivokantetoj.** — Tekstoj originale de Catharina J. Roskes-Dirksen. Muziko de H. Windisch-Sartowsky. Prezo: Fl. 0,90, germ. mk. 1,50. — Havebla ĉe: S-ino Cath. J. Roskes-Dirksen, Anemoonstrato 96, Hago (Nederlando) kaj ĉe S-ro H. Windisch-Sartowsky, Lindenstr. 35 b, Berlin-Niederschönhausen (Germ.). — Ĉi tiuj gajaj popolkantoj, menciitaj dum la XII-aj Esperantistaj Floraj Ludoj en Santa Coloma de Farnés estas orelplaĉaj melodioj, kiuj — facile kant- kaj ludeblaj — bone konvenas al la popolareca muziko. Plena de sentimenteco kaj de belaj muzikaj efektoj estas la lasta ĥorala kanto „Majstro".

**El spertoj pri internacia funkciado de la floraj ludoj.** — De Delfi Dalmaŭ. — Eld.: de la Dalmaŭ-Liceo, Strato Valencia 243-245, Barcelona (Port.) — Prezo: 50 sv. cent. — Tiu ĉi broŝureto celas, denove diskonigi la celon, laboradon kaj kondiĉojn por la kunlaborantoj. En alvoko sur paĝoj 15-17 ĉiuj lertaj esperantistoj estas petataj, partopreni regule la konkursojn, kunlaborante aŭ ofereme subtenante.

**Sub ruĝaj standardoj.** — Impresoj kaj travivaĵoj en Sovet-Unio. — De Einar Ådamson. Prezo egale je tri respondkuponoj. Eld.: Sveda Esperanto-Oficejo, Box 73, Göteborg, Svedujo. — La libreto, 44-paĝa, estas riĉe ilustrita.

**800-Jar-Festo 1928 Graz.** — Jubileaj ekspozicioj. Jubilea foiro. — Bele ilustrita varbfolio, eld. de la Graz-a Foiroficejo, senpage ricevebla mendite per ilustrita poŝtkarto. Estas tre rekomendinda, ke kiel eble plej multaj esperantistoj tuj mendu tian aŭ tiajn varbfoliojn, ĉar la unua sukceso estos instigo por la foir-oficejo, de nun regule uzi Esp. por reklamo kaj korespondado de la foir-oficejo. Tial tuj skribu al: Karl Bartel, del. de U. E. A., Schönaugasse 6, Graz, (Stirio), Aŭstrujo.

**Novaj Ŝlosiloj svedaj.** — La sepa ŝlosilo de Esperanto ĵus aperis ĉe Eldona Societo Esperanto, Stockholm, poŝta fako 698. 2 ekzempleroj kostas 1 respondkuponon.

**Nokkel til Esperanto** (Norvega Esperanto-Ŝlosilo). Prezo: 20 oere. Havebla ĉe: Norvega Esperanto-Ligo, Bergsliens Gate 11, Oslo Ĉi tiu ŝlosilo enhavas ankaŭ gramatikan parton.

**English-Esperanto-Vocabulary** (angla-esperanta vortaro). Eldon. de la Brita Esperanto-Asocio, 142 High Holborn, London, W. C. 1.

**Gvidfolio tra Norderney.** Eldon. de la banloka direkcio sub aŭspicioj de Universala Esperanto-Asocio, turisma servo. — Ĉi tiu ilustrita 16-paĝa broŝureto informas pri la plej belaj sciindaĵoj de Norderney. Kromajn informojn oni petu de la delegito de U. E. A., S-ro Herbert Grosch, veterinaro, Norderney, Bürgermeister Berghausstr. 36 kaj de la banloka direkcio de Norderney.

**Poŝtkartoj de D-ro Zamenhof** kaj **Andreo Ĉe.** — Eldon. en Svedujo de Eldona Societo Esperanto, Poŝta fako 698, Stockholm I. La prezo estas po 1,5 sv. fr. por 10 ekzempleroj. La profito estas uzota por la propagando de s-ro. Ĉe en Svedujo.

---

Presejo: Dr. Karl Pickert, Leitmeritz, Bohemio.

## Legofruktoj.

Entute la interpopola malamo estas strangaĵo. Ĉe homoj starantaj sur plej malalta kulturnivelo vi trovos ĝin ĉiam plej pasia kaj forta. Sed ekzistas stato, ke ĝi tute malaperas, ke oni staras kvazaŭ super la nacioj, ke oni sentas feliĉon aŭ doloron de la najbara popolo, kvazaŭ ili koncernus la propran. Tiu kultura stato estis laŭ mia naturo, kaj ĝi estis kutima al mi antaŭ ol mi estis atinginta mian sesdekan jaron. (Goethe al Eckermann).

Milito estas ironio al la „Nova testamento“.

(Germ. imperiestro Frederiko III).

Ĉiu milito, ankaŭ venka, estas malfeliĉo, kaj ne por la venkito, sed ankaŭ por la venkinto. Bedaŭrinde tiu opinio ne jam estas ĝenerala. Tio povus esti nur estonte per pli bona edukado de la popoloj. (Moltke 188?).

Walther Hahn, Gohlis-Dresden.

## Niaj Propagandistoj.

Ĉeĥoslovakujo: Magyar Tanügy, organo de la hungaraj instruistoj en Ĉeĥoslovakujo, enhavas esperantan tekston, eĉ lecionon, de Reininger-Ŝamoryn, kaj alvokas kaj propagandas por IPR.

Litovio: K-o B. Ruzgus aperigis artikolon „Geinstruistoj kaj Lingvo Esperanto“ en „Mokykla ir Gyvenimas“ (Lernejo kaj Vivo), organo de Geinstruista Asocio de Litovujo.

Hungarujo: K-o Jamber, kunredaktoro por la instruista gazeto „Tanitok Lapja“, aperigis en n-ro 7 de „Tanitok Lapja“ du artikolojn pri Internacia Eduka Oficejo, Packonferenco en Praha kaj Esperanto.

Polujo: K-o B. Gluchowski aperigis en Glos Nauczycielski (Pola instruista gazeto) artikolon el n-ro 2-3 de IPR „Latvia Instruista Asocio“.

## Donaco al IPR.

K-o Neuzil-Olomouc donacis sian akcion de 12,50 germ. mark. IPR kore dankas por tiu respondo al sia multekosta propagando. — K-o Krüger-Leipzig donacis 5 germ. mark. de sia akcio. Ankaŭ al li koran dankon.

## Niaj Kunlaborantoj.

Pro bedaŭrinda eraro mankis en la listo de n-ro 4-5 la nomo de nia konata meritplena amiko S-ro W. Hahn, lernejestro, Gohlis-Dresden. Ni tre petas lian afablan pardonon.

## Tra la Pedagogiaj Parlamentoj.

Pri numero 2-3 de IPR aperigis noton aŭ anoncon:

The British Esperantist, Informoj (Estonio), Sennaciulo, Heroldo de Esperanto, Junularo, L' Esperanto (Italujo), Pola Esperantisto, Svenska Esperanto-Tidningen, Svenska Arbeitar-Esperantisten, Belga Esperantisto.

Aŭstria Esperantisto aperigis la artikolon „Novaj Perspektivoj en la Instruista Esperanto-movado“.

## Mortis.

S-ro Fr. Paleĉek, direktoro de la burĝa lernejo en Trŝice apud Olomouc-Ĉeĥoslovakujo. Li estis bona, afabla kolego. Jam maljuna li lernis Esperanton kun fervoreco de juna entuziasmulo. Ni honoru lian memoron daŭrigante la laboron de nia ripozanta samideano.